1ª jaro - Nº 2 (Publication mensuelle) Julio 1933

# LA PIRATO

Kajeroj por Satiro, Humoro kaj Libereco... relativa

Ŝipestro: Raymond SCHWARTZ
Redakcio: 5, Avenue Galliéni
Courbevoie (Seine)

Hejma Haveno & Administracio:
J. SOLSONA
9, Rue Hallé, PARIS-14e
FRANCLANDO



KAPERAS ĈIUMONATE

ABONTARIFON VIDU SUR LA PROKSIMA PAĜO

# TARIFO DE L'ABONOJ

Unujara abono (12 numeroj) al LA PIRATO kostas

| | |
|---|---|
| en Francujo kaj Saar-Teritorio. . . . . | 10 fr. fr. |
| en Landoj aliĝintaj al la Konvencio de Stockholm. . . . . . . . . . . . | 12 fr. fr. |
| en aliaj landoj *) . . . . . . . . . . . . . | 15 fr. fr. |

Oni povas pagi en francaj frankoj
aŭ egalvaloro en aliaj monunuoj
laŭ kurzo de l' tago.

Francoj povas pagi per poŝta ĉekkonto:

J. SOLSONA, Paris 545.82

Ĉiuj pagoj estu farataj al

S-ro J. SOLSONA, 9, rue Hallé

PARIS - XIVe

*Modelon de abonilo vidu sur la 3-a kovrilpaĝo!*

---

*) Inter la ĉefaj landoj ne aliĝintaj al la Konvencio de Stockholm estas: Danujo, Granda Britujo, Italujo, Japanujo, Norvegujo, Svedujo, Usono.

# Sensacia artikolo de D-ro Ed. Privat

*Ne estis facile havigi al ni artikolon de D-ro Edmond Privat, kvankam nia Pirat-ŝipo timas nek rifojn nek tarifojn. Sed nin grave konkurencas la alia ŝipo sur la lago de Ĝenevo, al kiu D-ro Privat kutimas liveri tre regule siajn artiklojn. — Tamen ni sukcesis, laŭ iom pirata maniero, kapti unu el tiuj sensaciaj artikloj, kiuj ĉiumonate en la gazeto « Esperanto » vigligas nian movadon. Ni ne bezonas insisti pri la profunda saĝo, la sobra konvinkoforto, la potenca stilo, la kuraĝaj ideoj kaj originala originaleco, kiuj stampas tiujn artiklojn.*

## NOVA FARO, NOVA FAMO

### Granda entuziasmo regas en UEA-rondoj

La pariza eraro kaŭzis ĉie varman reviviĝon de dormantaj simpatioj al nia Universala Asocio. De ĉiuj flankoj oni aliĝas. Ankoraŭ du similajn erarojn kaj UEA havos tro da membroj! La dronanta ĉevalo naĝas.

Ĝi gajnis sufiĉe da sperto por entrepreni eĉ novajn servojn.

La 21-an de Junio komenciĝis la somero. Ĝojiga signo. Estas jam pli varme. La vetero estos bela, se ne pluvos. Oni vojaĝos. — Kio allogas la homojn al vojaĝo? Certe la maro, la montaro. Argumento fakta kaj potenca. Sed vojaĝo kaj UEA estas du nedisigeblaj iloj.

Ne hazarde kaj senplane UEA aranĝis la fervojan servon. Nun ĉiu membro de la Universala Asocio povos eĉ en la plej modesta stacidomo aĉeti veturbileton. Ĉiu membro povos nun veturi al kiu ajn loko de l' mondo. Kiel ni jam uzis la poŝton, la telegrafon, la telefonon, tiel ni uzos ankaŭ la fervojon. Granda reto da relaro kovras ĉiujn civilizitajn partojn de la terglobo. Dank' al UEA ne plu ekzistas limoj.

En ĉiuj lingvoj tradukiĝos tiu ĉi fakto kaj Esperanto gajnos novajn adeptojn per la forto de agemaj realistoj.

*Ĉiu rajtas interpreti laŭ sia plaĉo la supran artikolon, sed unuanime ĉiuj konfesos, ke post la apero de la « Gaja Lernolibro » nia amiko Edmond Privat faris grandajn progresojn en Esperanto.*

J. L.




# La problemo de l' emblemo

Inter la multaj programpunktoj de nia amiko Hitler estas almenaŭ unu, kiun ni subskribas ambaŭmane: Batalo kontraŭ trouzo kaj misuzo de l' emblemoj. Per tio Hitler montriĝis supera al Bismarck, kiu akceptis kiel honorsignon la famajn Bismarck-haringojn.

Ankaŭ ni, Esperantistoj, moderigu nian emblememon! — Nia himno perdas sian solenecon, kiam oni skizas fokstroton laŭ ĝia ritmo; — nia stelo grimacas, kiam ĝi deĵoras kiel komercmarko; — ĉu vere nia verda koloro ankoraŭ simbolas esperon, kiam ĝi kovras la bankalsonpartojn de tro fervoraj samideanoj? Jese respondi povas nur cinikuloj.

Tute prave S-ro B. Linde, Kaunas, plendis en « Heroldo », ĉar oni donis la nomon Esperanto al likvoro. « Likvoro, » kiel li asertas, « apartenas al tio, kio detruas la homon! » — Same ni protestas kontraŭ la uzo de la nomo Esperanto por razklingoj, cigaredoj, ĉokolado ktp., ĉar ankaŭ tiuj objektoj povas detrui la homaron. Kaj kion ni pensu pri tiuj gepatroj, kiuj tro facilanime baptonomas sian filineton Esperanta? Certe, la filineto estas ĉarma, afabla, aminda. Sed ĉu oni forgesas, ke post proksimume kvindek jaroj la ĉarma knabineto estos respektinda bopatrino? Diru al mi, kiamaniere eĉ la plej lerta varbisto povos tiam allogi al Esperanto bofilon, kies propra bopatrino nomiĝas Esperanta? — Katastrofo!

La deĵoranta Pirato.

## *ĈE LA PARIZA FOIRO*

# La Prezidanto de la Franca Respubliko aĉetis Esperanto-Insignon !!

Ankaŭ tiun ĉi jaron la pariza foiro havis grandan sukceson. Sed pli ol ĉio estas menciinda la vizito, kiun S-ro Lebrun, prezidanto de la Franca Respubliko, faris al la Esperanta stando.

Okaze de la inaŭguro de la foiro la prezidanto rimarkis sur nia stando la vorton « Esperanto ». Tuj li konfidencis al siaj akompanantoj : « He, he, — ŝajnas al mi, ke mi jam aŭdis ion pri Esperanto. Bonvolu do rememorigi al mi, kio ĝi estas. » Ĉar ĉiu el la akompanantaj sinjoroj havis pri la afero alian opinion, la prezidanto decidis : « Ni informiĝu ĉe tiu simpatia homo », kaj senafekte li turnis sin al S-ro Dauphin, la bone konata estro de la Centra Esperantista Librejo.

Kvankam nia amiko Dauphin tre ofte rilatas kun prezidantoj (de Esperantaj grupoj), li tamen ne povis forkaŝi sian emocion pro la granda honoro, kiun la ŝtatestro faris al li.

« Esperanto, via Predikanta Moŝto, estas... Esperanto faras... Esperanto, sinjoro Pro... sinjoro Pre... »

Tiam la prezidanto bonvolis interrompi tiun klaran klarigon kaj bonvolis demandi kun granda intereso :

« Bone, bone, sed kion vi vendas ĉi tie ? »

Kompreneble nia amiko Dauphin atendis nur ĉi tiun okazon por komerci kun la ŝtatestro. Oni konas la vendistan talenton de sinjoro Dauphin, ĉar neniam iu forlasis la Centran Librejon ne aĉetinte almenaŭ dek diversajn gramatikojn, kelkajn fonografdiskojn, milon da glumarkoj kaj duoncenton da silkaj flagetoj

el papero. Nia amiko Dauphin sukcesus vendi kion ajn eĉ al lignoĉevalo.

«Jen, sinjoro Lebr..., sinjoro Prez... eh, eh, Episkopa Moŝto, nia plej interesa artiklo: La moderna insigno. Ĉi tie en mia butontruo vi vidas la propagandan stelon de Esperanto. Ĝis nun ĉiuj insignoj estis senvivaj, sed tiu ĉi insigno estas ŝprucanta fonto de bonhumoro kaj ĝi necese, preskaŭ perforte altiras la atenton de la personoj, kiujn vi deziras varbi. Rimarku bone la diferencon. Ekzemple, se vi renkontas min sur la strato, en restoracio aŭ en tramveturilo, vi verŝajne ne atentos mian insignon, sekve vi ne demandos, kion ĝi signifas, sekve mi ne havos la okazon varbi vin. Sed dank'al tiu ĉi nova perfektigita insigno mi magie altiros vian atenton. Rigardu bone. Ĉi tie en ĝia mezo estas trueto apenaŭ videbla, tra kiu mi povas ŝprucigi akvon al la celita persono. Sufiĉas, ke mi premu kaŭĉukan pomon, kiun mi havas en la poŝo. De la pomo al la stelo iras tubeto, estas ĉio. Unu premo kaj tra la insignotrueto fluas akvostrio. Jen...»

Kaj jam la prezidanto ricevis akvoradion en la okulo, en la lipharoj, en la nazotruoj kaj kore ridegante li sekigis sian vizaĝon per la poŝtukoj de l'akompanantaj sinjoroj, kiuj ankaŭ kore ridis.

«Bonege», li diris kaj aprobe li frapis per sia mandorso sur la ventron de nia amiko Dauphin, «vi estas simpatia farsisto. Donu al mi dekduon da tiuj ŝpruciloj. Tio multe amuzos miajn nepojn. Ĝis revido, kara amiko!»

«Ĝis, sinjoro Leb... eh, eh, Epimopsa Koŝto! Ĝis!»

Kaj forirante la prezidanto bonvolis aserti al siaj akompanantoj, ke Esperanto estas tre interesa aparato.

SALA FUMAL.



# KORRESPONDO

(preskaŭ-dramo en kvar poŝtkartoj)

---

I-a POŜTKARTO

Al sinjoro Gaston Mormoix
Camembert (Francujo)

Tre estimata samideano,

Mi trovis vian adreson en la jarlibro de UEA kaj permesas al mi inviti vin al korespondado. Mi tre deziras interŝanĝi kun vi ideojn pri ĉiuj temoj, eĉ pri Amo.

Atendante vian afablan respondon, mi restas kun sinceraj salutoj

via Mario Vermicelli
Ravioli (Italujo).

II-a POŜTKARTO

Al fraŭlino Mario Vermicelli
Ravioli (Italujo)

Kara ... Amideanino,

Kun granda plezuro mi ricevis vian poŝtkarton kaj mi ĝojas, ke inter tiom da adresoj vi elektis la mian. Tre volonte mi korespondos kun vi pri kiu ajn temo kaj eĉ pri Amo. Bonvolu komenci.

Kore via

Gaston Mormoix.

III-a POŜTKARTO

Al sinjoro Gaston Mormoix

Kara samideano,

Akceptu mian plej koran dankon pro via konsenta respondo. Mi proponas kiel diskuttemon: « La ekonomia krizo kaj ĝiaj kaŭzoj ». — Mi devas atentigi vin, ke mi ne estas fraŭlino. Vi eble ne scias, ke en Italujo la antaŭnomo Mario estas vira.

Fidele kaj amikece via

Mario Vermicelli.

IV-a POŜTKARTO

Al sinjoro Mario Vermicelli

Estimata sinjoro,

Mi danke ricevis vian poŝtkarton kaj devas kun bedaŭro sciigi al vi, ke mi tute ne havas tempon por korespondi.

Kun samideanaj salutoj

Gaston Mormoix.


1
KRIZERO


EKONOMIO DIREKTATA
1933


PROSPERO
FELIĈO
LA TERO PRODUKTAS SUFIĈE POR NUTRIĈIUJN
CENTMIL
DOLOROJ
GREN
KAFO


INTERNACIA
5
cent
timoj
MONO


CIVILIZACIO
1933

# La internacia mono

La 30-an de majo nunjara komenciĝis en Parizo la III-a « Semajno de la Mono », dum kiu eminentaj ekonomiistoj studis la problemon de l' internacia mono. Antaŭ la milito ekzistis la Spesmilo, sed tiu ĉi ne plu respondas al la postmilita ĥaoso. Ni bezonas nun tute novan internacian monunuon. Tiel konkludis la eminentaj ekonomiistoj.

Nia kunlaboranto, kiu tro modeste sin kaŝas malantaŭ la pseŭdonomo Laval — (por ekkoni lian veran identecon legu lian pseŭdonomon inverse !) — proponas tri projektojn, kiuj laŭ nia nekompetenta opinio perfekte konvenas al la nuna katastrofstato de l' mondo :

1) *La krizero.* — Ĝi facile adaptiĝos al la ŝanĝiĝemo de l' kurzoj, ĉar ĝi estas kaŭĉuka. La frontbildo montras la simbolan zonon, kiu permesos mildigi la ribelemon de l' stomakoj, dum la dorsbildo elokvente prezentas la konkludon de la Londona Ekonomia Konferenco.

2) *Bankbileto de Centmil Doloroj.* — Ni ne havos la kruelecon insisti pri ĝia signifo.

3) *5 Cent timoj.* — Nia kunlaboranto certe ne enkalkulis ĉiujn timojn, ĉar sendube estas pli ol kvin-cent, kiuj preme pezas nun sur la feliĉa homaro. Ĝojige estas, laŭ la dorsflanka bildo konstati, ke malgraŭ ĉio la civilizacio tamen antaŭenrampas.

N. B. — Atendante la definitivan enkondukon de internacia mono, « La Pirato » akceptas ankoraŭ naciajn monojn.

*Ĉu en Kolonjo la Interna Ideo devos resti ekstere?*

# LA KONFERENCO DE ĜENEVO

*De nia speciala sendito (la plej sobra)*

Tuj kiam mi alvenis Ĝenevon, mia bone konata linka *) okulo malkovris la lokon, kie zorge sin ŝirmis la danĝeraj komplotistoj. Kiel penetri la sekretejon? Simple! Mi prenis sur min la ŝajnon de patagona delegito de U. F. E. kaj, dank' al tiu modesta kaj atenton nealtiranta vesto, mi sukcesis, ne tro rimarkite, ĉeesti la debaton. Cetere, tiun mi fidele raportos al vi.

Ĉirkaŭ la tradicia verda tapiŝo sidas multaj nacioj: hispano, anglo, germano, ruso, franco, ĥino, k. t. p. (S-ro René Dubois alvenis dank'al Nansen-pasporto; ne pro tio, ke li estas senpatrujulo, sed ĉar li kune estis hispana kaj ankaŭ itala, krome kataluna kaj denaskiĝe franca). Ĉiuj parolas Esperanton. Subite, el la buŝo de l' prezidanto aŭdiĝas terna sono «Ĉu?» Ĥore la aliaj tondras: «Ne». La unua parto estas finita kaj oni ĝoje registris tiun nekredeblan unuanimecon en Esperanta konferenco. Tamen, la atmosfero estas milde malserena kaj oni suspektas belan sekvon.

Posttagmeze, la delegitoj kunvenas denove. Senpartia observanto rimarkus, ke iliaj vizaĝoj havas seriozan aspekton, ekzakte, kiel homoj, kiuj tuj pritraktos seriozajn aferojn.

La matenaj distraĵoj rekomenciĝas, sed je akcelita kadenco. Bone meritita paŭzo ebligas, ke oni deprenu la jakon kaj komencu korpan ekzercadon por konservi taŭgan batalpretecon. La brakmuskoloj ŝvelas, la manoj pugniĝas, kiam oni fine reformas familian (kiom!) rondon ĉirkaŭ la tablo. Intertempe, ĉiu el la du partioj interkonsentis sekrete por kaŝa telegrafado dum la debatoj. Por veki dormantan atenton, Kreuz delikate premas kolegan piedon per la sia.

---

*) Atentu, neologismuloj, linka ne signifas maldekstra!

Kvazaŭ li dirus: « Atentu, karuleto, la banditoj nin atakas ». Hans Jakob gratas nazpinton, kio signifas: « Tiun fuŝularon zorgu, amiko, aŭ ili trompos nin. » Kaj oni bubale galopas tra statutoj kaj samspecaj allogaĵoj. Subite, ho! Sankta Apolino, ili komencas la batalon. Kelkaj momentoj poste sterniĝas sur la tero, krom neripareble frakasita meblaro: venenaj artikoloj, rompitaj ripoj, kongresaj paroladoj, deartikigitaj maleoloj, perukduono, reorganizprojektoj (3.357 funtoj), konsciencriproĉoj kaj diversspecaj aliaj ruboj.

Estis vera sporto.

Sed, fine — ĉar ĉio havas finon — oni konsentas. U. E. A., kiu prokrastis de Parizo sian konsenton pro motivo tiel malhele mistera, ke verŝajne oni neniam povos tion klarigi, edziĝis kun U. F. E. kaj naskiĝis tuj nov-U. E. A. pri kies vizaĝo, harkoloro kaj aspekto neniu ankoraŭ bone scias. Same, kiel ĝis la nuna momento oni ne konas la patrinon.

La foriron de la plenpovaj (aŭ preskaŭ) delegitoj mi ĉeestis. Malgaje ili disiĝis, dum amiko mia demandis iom neĝentile: « Kion do faros nun tiuj farsuloj, se ne plu intervenos la demando pri reorganizado? » Tiam, mi komprenis la malgajecon de ĉiuj delegitoj, la malplenon de ilia vivo. Ĉu oni rajtas forrabi de niaj bravaj samideanoj la solan amuzilon de Esperantujo?

## Impreso ĉe Ligo de Nacioj

*(Lastmomenta informo)*

Malordo regas ĉe Ligo de Nacioj. S-ro Breŝtamano Rikodak, reprezentanto de Botokudujo, tradukis la ĝeneralan opinion, deklarante, ke nun la Esperantistoj, se ili akordiĝis vere, povos transiri al praktikaj aferoj kaj eble faros propagandon por sia lingvo, kio estas netolerebla atako kontraŭ la suvereneco de ĉiuj kulturaj lingvoj ĝenerale kaj botokuda precipe. Ni fidele informos niajn legantojn pri la rezulto de tiu alparolo.

PULBUŜEL.

# Lastaj rekomendoj al la Kongresanoj!

*La L. K. K. de la Jubilea Kongreso komunikis al ni la sekvantan alvokon, kiun ni tre plezure publikigas.*

Koncerne la Ordon ni refoje rimarkigas, ke tio farus malbonan impreson, se la kongresanoj promenus — kiel ĝis nun — sendiscipline tra la kongresurbo. La L. K. K. tial rekomendas, ke la kongresanoj ĉiam promenu taĉmentope, ĉiufoje kvar en unu vico kaj ili grupiĝu laŭ grandeco. Bone memoru, ke oni ĉiam ekmarŝas per la maldekstra piedo, ĉiuj samtempe kaj egaltakte.

Por plifaciligi al sendisciplinaj elementoj rapidan alkonformiĝon al la novaj cirkonstancoj, la L. K. K. starigis la sekvantan definitivan programon:

ĈIUTAGE

| | |
|---|---|
| je la 6-a matene: | Leviĝu tuj, kiam eksonoras la trumpet-signalo de l' kongresa trumpetisto. |
| je la 7-a: | Rapidu kun via kaserolo al la kuirejo por ricevi vian porcion da kafo. |
| de la 8-a - 9-a: | Purigado de la ĉambroj kaj balaado de la kazernkorto. |
| de la 9-a - 12-a: | Ekzercado (laŭ la Fundamenta Ekzercaro) antaŭ la kongresejo laŭ komando de specialistoj. |
| je la 12-a: | Komuna tagmanĝo en la bivako. |
| je la 1-a p. m.: | Lavado de la manĝilaro kaj komuna kantado. |
| de la 3-a - 6-a: | Laborkunsido. — Eventualaj kontraŭuloj de la diversaj proponoj bonvolu silenti. Por eviti konfuzon kaj ĥaoson ĉiuj voĉdonu nur per « jes ». Tiel regos ordo. — Pri la vigleco de l' debatoj zorgos specialaj aplaŭdbrigadoj. |
| de la 6-a - 7-a: | Kontrolo de l' vestaro (butonoj, ŝuoj, ktp.) |
| je la 7-a: | Vespermanĝo kaj manifestacio de entuziasmo. |
| je la 8-a: | Komuna preĝo kaj enlitiĝo. |

La lastan tagon, post la uniformbalo, okazos la disiĝo de l' Jubilea Kongreso kaj senbrua hejmeniro.

---

# Agrabla surprizo

Pro kaŭzo nekonata ni ne ricevis la duan parton de la Scherer-raporto pri la planedo Mars. Intertempe ni eksciis, ke nia amiko ree troviĝas sur nia tero. Baldaŭ aperos la Ĉefa Esperanto-Libro de la nuna jaro.

Kaj cetere ni decidis provizore ne plu okopiĝi pri la temo, ĉar HEROLDO montriĝis pli forta ol ni en la arto de l' dolĉa ironio. Legu ĝian ĉefartikolon pri la ĉeflibro en la numero de l' 8-a de junio. Se post tio vi ne aplaŭdas marsmaniere...



*INTERŜANĜO DE KOMPLIMENTOJ*

— Vi aspektas kiel pirato!
— Kaj vi kiel civilizulo!



— Sinjoro Doktoro, mia stomako ankoraŭ dolorigas min.
— Tute neeble, mi ja diris al vi hieraŭ, ke nun vi resaniĝis.




☆ En PARIS-ESPERANTO (Majo), monata organo, kiu aperas proksimume kvin fojojn ĉiujare, nia amiko Tiberio Morariu priskribas siajn aventuretojn en Parizego. Li ankaŭ konfidencas al ni, ke li loĝas en la hotelo « Thierry » kaj konsilas interkrampe : Elparolu Tiri. Dankon por la legantoj de PARIS-ESPERANTO ! Sed — kvankam ni senkondiĉe fidas al S-ro Morariu, kiam li instruas Esperanton, — ni tamen petas la permeson elparoli la francan vorton Thierry laŭ la franca metodo, t. e. Tjeri.

☆ En BIBLIOGRAFIA GAZETO (N-ro 2) profesoro Ludoviko Totsche asertas : « La Stroele-recenzo pri Parnasa Gvidlibro pruvas, ke ankaŭ kontraŭneologismano kapablas uzi objektivan tonon, se li estas konscienca homo kaj ne pamfletisto. »

Ĉar pamfletisto kaj konscienca homo estas du malsimilaj tipoj, ĉu ne ?

☆ Samloke : Dufoje la gazeto anoncas verkon de la fame konata verkisto André Gide kaj dufoje la gazeto nomas la aŭtoron *Andrée* Gide. Ni scias, ke Andrée estas virina antaŭnomo. Sendube ĉi tie iu eraris. Aŭ la Bibliografia Gazeto pri la nomo, aŭ « gesinjoro » Gide pri sia sekso. Ho, Kenelm Robinson !

☆ El HEROLDO (N-ro 23) : J. F. B. tre kuraĝe uzas tiun bildon:

« ...ni povas nodi nian koncizan superrigardon kun la teksto... »

— Nova speco de Gorda nodo, verŝajne ?

☆ Samloke, en artikolo de A. R. « Estas notinde, ke la eldonejo akceptis Esperanton, kvankam ĝis nun ĝi estis kontraŭ nia lingvo sekve de la multa pruvmaterialo, kiun nia s-ano Radecker povis disponigi... »

Tio pruvas, ke multa pruvmaterialo kelkfoje malutilas.

☆ Samloke : Interesa raporto de S-ro Jozefo Major pri Formoso. Instrue kaj sprite verkita. Sed ne mankas perloj.

« Mia kunvojaĝanto estis profesoro Kai, kun kiu mi debatis ĉiujn problemojn de l'fiziko kaj metafiziko. »

Ĉu vi estas certa, S-ro Major, ke vi ne forgesis unu aŭ la alian?

☆ Alia : « La patrinoj faras sian eblon forigi la infanojn, kokojn kaj ceterajn dombestojn de sur la reloj... »

Ĉarma landeto, kie oni enkalkulas la infanojn inter la dombestaro.

☆ Alia: « Ni eniris tute solaj (en la sovaĝejon) sed renkontis neniun sovaĝulon; eble ili ne konsideris mian kapon inda por forpreno. » — Tiuj sovaĝuloj eble estas sovaĝuloj, sed certe ili ne estas stultuloj.

☆ Alia (N-ro 24): « Interesa estis ankaŭ mia vizito al la sudo de Formoso kie, malgraŭ la vintro en la norda duonsfero, regis tropika varmo. »

Jes, S-ro Major, same okazas kelkfoje, ke malgraŭ pluvado en Berlino ni havas belegan veteron en Parizo! Strange, ĉu ne?

☆ Alia: « Puloj, tiom mordemaj en Japanujo, en Formoso forestis. » — Ĉu do ne estas kutimo en Japanujo meti buŝumon al la tiom mordemaj puloj?

☆ El SENNACIULO (25-a de majo): En artikolo « Bonmemoro pri Stockholm »... « Estis bela vetero kaj la popolo dancis surstrate super granda majarbo. »

Bone, sed la verkinto forgesis diri, ke la popolo havis flugilojn.

☆ Samloke: Anonceto, kiu diras: « Germanaj kamaradoj petas, ke oni ne skribu al ili sensencaĵojn. »

Ili estas tre postulemaj, la germanaj kamaradoj.

☆ El HEROLDO (N-ro 27). — Raporto el Lwow: /... « Prelegis nia arminda Cseh-instruistino Lena Fruchtowna... »

Se tiel estas, oni donu al ŝi pistolon. Ni ja sciis, ke la Esperantistoj estas... paficistoj.

☆ En POLA ESPERANTISTO oni legas kun profito kelkajn stilajn strangaĵojn: « Mi memoras, ĝi estis antaŭ la milito kelkaj jaroj, Varsovion venis fremda Esperantisto... » aŭ « Ĉu nun la germanaj samideanoj okazus malpli heroaj ol iliaj fratoj... »

Poste ni komprenas, ĉar sur la 8-a paĝo noto de la redakcio tekstas: « Pri lingvaĵo kaj enhavo de l' ĝis-ĉi-tieaj artikoloj respondecas S-ro E. Wiesenfeld L. K., je kies speciala peto ni enpresis ĉiujn senŝanĝe. — La Red. »

Eble S-ro Wiesenfeld L. K. havas strangajn petojn, sed la redakcio tamen estas malprudenta.

☆ Kaj por fini ni kopias el prospekto eldonita de la Societo Franca por la Propagando de Esperanto, Hispana Esperanto Asocio, Esperanto Centro Itala de la F. E. I., Kataluna Esperanto Federacio jenan specimenon: « Por ĉiuj necessaj klarikoj kaj aligoj sin turni nur al... » kaj ni dankas Dion, ke ne kunlaboris ankoraŭ pli da Esperanto-Asocioj.

*Difino de la malarmadaj konferencoj,*
*el kiuj ni ne baldaŭ eliros :*
*La malarmada marmelado.*



*Dum nokto serena, kiam neniu kaperaĵo montriĝas ĉe l'horizonto, la piratoj kunvenas sur la ferdeko, ĉirkaŭ la centra masto, kaj rakontas... Ĉi tiun nokton la ŝipano Lefèvre ekbruligis sian pipon, abunde kraĉis sur la ferdekon kaj ekparolis:*

## Kaj egalpezaj estis la pesilteleroj

Vesperiĝis... jam de longe, en la apudpreĝeja ĝardeno, nia amata pastro paŝadis kaj en la dolĉa lumo de l'sunsubiro preĝis. Subite la antikva rustigita turhorloĝo ekknaris kaj ekbatis la sepan. Li memoris, ke li estas invitita de la gekastelestroj, kaj ferminte sian libron jam antaŭĝuadis la bongustan vespermanĝon en tiu amika rondo, kie li estis ĉiam dorlote akceptata. Ja, tion indis la bonkora, bonfaranta, tolerema pastro, kia li estis, amata de ĉiuj pro sia ridetanta bonanimeco... ja, li estis vere bona pastro, kaj ankaŭ tiel justema. Sed vi aŭskultu.

Do, apenaŭ kiam li ŝlosis la preĝejon, virino alpaŝis al li:

« Sinjoro pastro, mi petas konfesdiri, ĉu vi nun permesas? »

« Jes, certe, sed vi iom rapidu, ĉar oni atendas min en la kastelo, estas jam malfrue, ne decas, ke miaj gastigantoj atendu min... do ni rapidu! »

Kaj surgenuiĝinte en la konfesejo mallaŭtege ŝi ekparolis:

« Sinjoro pastro, mi kokris mian edzon... »

Ne eksaltis la respektata homo. Jam tiomfoje li tion aŭdis, sed taŭge estis, ke li vidigu koleran indignon:

« Ne pardoninda pekulino vi estas, vi pro honto ruĝiĝu! Kaj kiom ofte? »

« Kvar fojojn, » ŝi kvazaŭ senspire respondis.

« Kvar fojojn... kvar fojojn... adultulino! Preĝu la potencan Dion kaj pentu, abomena pekulino. Ne refaru, kaj por via puno diru tri « Patro nia ». »

Kaj demetinte sian blankan surplison li estis denove ŝlosanta la preĝejan pordon, kiam ĝuste alvenis alia virino:

« Sinjoro pastro, mi deziras konfesi miajn pekojn, mi petas vin... »

« Venu morgaŭ. Oni nun atendas min senprokraste, — venu morgaŭ matene! »

« Sinjoro pastro, mi petegas vin, — nur unu minuton, mi dronas en bedaŭro... »

Nia pastro estis bonkora; li ne povis rifuzi.

« Nu, venu tuj. » Kaj baldaŭ li aŭdis la saman plorgrimacan voĉon:

« Dio pardonu, mi kokris mian edzon... »

« Vi ankaŭ? Kaj kiomfoje? »

« Ses fojojn. »

« Ses fojojn, ses fojojn..., abomena diboĉulino, ses fojojn... »

Kaj subite stariĝis en lia kapo terura kalkulo: Al la antaŭa pro kvar fojoj mi puntrudis tri « Patro nia », kiom do mi devas ordoni pro ses fojoj??? Ja ne facile solvebla problemo,.. kaj oni atendas min, urĝas, ke mi faru decidon... urĝegas... »

« Aŭskultu: Vi denove kokru vian edzon du fojojn kaj tiam preĝu ses « Patro nia » — sed nun rapide foriru... »

Nia amata pastro estis justecema homo, ĉu ne?

C. Lefèvre, Cannes (Francujo).




**Perfekta harmonio.** — Tuj ĉe l'unua kontaktiĝo de UFE kaj UEA la glacio rompiĝis: « Sed, karaj amikoj, ni ne deziras vian morton, » — « Kredu, ke ni ĉiam amis vin, » ktp. Kiam la konferencanoj eliris post la unua kunveno, S-ro Stettler ĝentile informiĝis: « Kie la sinjoroj trinkos sian aperitivon? Ni eble povus trinki kune. » Poste S-ro Dubois demandis: « Kie vi tagmanĝos? Ni eble povus manĝi kune. » — Kaj vespere S-ro Hans Jakob susurante pepis: « Kie la sinjoroj intencas dormi? Ni eble povus dormi kune. » — Ho eterna amikeco!

**Iu, kiu perdis sian tempon.** — Estas S-ro Steiner, kiu reprezentis en Ĝenevo ne nur la Aŭstran Societon kaj la Aŭstran Fervojon sed ankaŭ kaj ĉefe la Esperantan Muzeon. Li venis por kolekti kelkajn « maloftaĵojn » por la Muzeo. La etiketoj, kiujn li estis preparinta jam antaŭe, lasis neniun dubon pri liaj intencoj. Sur unu oni legis «Okulvitroj de S-ro Stettler», sur aliaj «Kolumo de S-ro Hans Jakob», « Kompleta dentaro de S-ro Kreuz », « Ĉemizbutono de S-ro Dubois », « Nazopinto de S-ro Goldsmith »... Bedaŭrinde ĉio aranĝiĝis kaj S-ro Steiner hejmenveturis kun malplenaj manoj.

**Oni serĉas kunlaborantojn.** — Nia bona prezidanto, S-ro J. Merchant, intencas publikigi siajn memoraĵojn pri sia 30-jara Esperanta vivo. Bedaŭrinde multajn el tiuj memoraĵoj li ne plu memoras. Tial li petas, en la lasta n-ro de British Esperantist, ke tiuj, kiuj scias ion interesan pri li, bonvolu tion rememorigi. — Evidenta signo de serena konscienco. Multaj homoj ne dezirus, ke oni rememorigu al ili la pasintecon.

**Kaj la statutoj de Teo Jung?** — Kio fariĝos nun el la statutprojektoj ellaboritaj de nia amiko Jung? Ĉu ili utilos?

Nia bona amiko estas malbonŝanca. Siatempe li pretigis universalan lingvon kaj nur poste li eksciis pri la ekzisto de Esperanto. Nun li pretigis multajn statutparagrafojn kaj la UFE-UEA-uloj intertempe bakas la siajn.

**Hazardo.** — Nia amiko T. Morariu ĵus faris novan Ĉe-kurs-

on en Parizo. Kun granda sukceso cetere. Ĝi okazis ĉe strato de la Martiroj (rue des Martyrs). Sed la strato havis tiun ĉi nomon jam antaŭe.

**Unu poento por Kalocsay.** — La Vagabondo kantas. Nova verketo de Baghy. Ni aplaŭdas. Ĉarmaj versaĵoj, kiuj kelkloke havas la freŝecon de la kantoj de Heine. Sed al ni ne decas komplimenti. Tial ni demandu, kial la terura kontraŭulo de l'poezia fakvortaro uzis « nupto » kaj « morna » ?

**Stranga meblo.** — Ni plezure memoras, ke Julio Baghy estas la kreinto de tiu stranga meblo « ŝezlono » ( = litseĝo). Post tio Baghy komprenis, ke li povas nur kuŝiĝi aŭ... pentofari. Li elektis la lastan, kaj — kiel asertas Kalocsay — li faras ĉion kun pasio.

**Dolĉa paco.** — La cirkulero de la Germana Esperanto-Asocio faris plej bonan impreson. Oni plezure legis, ke « la vivo en Germanujo por ĉiu honesta homo ne estas endanĝerigita ». Nun restas nur por scii, kio kaj kiu estas honesta homo laŭ la oficiala germana vidpunkto.

**La lasta salono...** — Oni scias, ke la Centra Esperantista Librejo antaŭ kelka tempo... enstaliĝis (se oni povas diri) ĉe la numero 11, strato de Sèvres. Nun ĝi ĵus transformiĝis. S-ro Dauphin, ĝia simpatia estro, asertas, ke ĝi estos salono.

Ĉu te-salono ? Ĉu barbir-salono ? — Tion ni baldaŭ scios.

☆

## LA POŜTOSAK' DE L' ŜIPANAR'

Al sennombre multaj. — Dankon pro gratuloj, komplimentoj & k-io. Ĝenerale ni havas pli da kompreno por insultoj. Tamen, « La Pirato » kvitance ploris kelkajn sentimentalajn larmojn en la maron.

Al F-ino N. P., en P. — La privata adreso de nia kunlaboranto Joseph Nels, aŭtoro de « Volupto », estas 20, rue Tholozé, Paris-18e.

Al F-ino Y. S., en N. — Vidu supre.

Al F-ino G. P., en N. — Vidu supre.

Al S-ro R. C., en P. — Laŭ via aserto, vi « aboniĝis al La Pirato, ĉar F-ino Gabrielle Gérard ne rekomendas ĝin ». Evidente, tio estas argumento, — sed ekzistas ankoraŭ aliaj, same gravaj.

Al F-ino J. D., en T. — Fotografaĵon de S-ro Nels ni bedaŭrinde ne havas. Des pli bone por vi.

Al S-ro G. G., en K. — Kial ni ne tranĉas la paĝojn de La Pirato ? — Por ke ĉe la germana landlimo ekzistu neniu dubo pri ĝia pure ariana deveno.

Al F-ino I. Sz., en L. — Jes, S-ro Nels havas edzinon. Sed li estas la sola Esperantisto, kiu komprenis la relativecon de l' Einstein'a teorio.

Al S-ro S. Gr. K., en P. — Iom tro longa, via artikolo. Krom tio, ĝi nenion « reĝustigas ». Ĝi serĉas nur mildigajn cirkonstancojn. Sed ni jam pardonis al vi.

PRESERARO. — Sur paĝo 17, 4-a linio kaj sekvantaj, bonvolu legi « artikolo » anstataŭ « artiklo ». Kompreneble !

*Le Gérant :* ROGER BERNARD.

Presejo J. SOLSONA, 9, rue Hallé, Paris-14e — Tél. Gobelins 62-71.

# MODELO DE ABONILO

---

*Al S-ro J. SOLSONA*
*9, rue Hallé*
*Paris - XIV*

*Ĉi kune mi sendas al vi .................... fr. fr.* *)
*(aŭ egalvaloron) per poŝtmandato, ĉeko, monbiletoj, — (trastreku la nekonvenan) — kiel abonpagon al LA PIRATO, por unu jaro (12 numeroj), ekde la monato ....................*

*Familia nomo:* **) ....................

*Antaŭnomo:* ....................

*Urbo (aŭ vilaĝo)* ....................

*Strato kaj n-ro* ....................

*(se necese) Provinco* ....................
*Distrikto, ktp.*

*Lando:* ....................

**... Kaj sendu al ni la adresojn de piratemaj amikoj!**

**DANKON!**

---

*) Tarifon vidu sur la 2-a kovrilpaĝo.
**) Skribu tre legeble!